24ª Jaro - Nº 1 (251) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Januaro 1938ª



# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908ª

DIREKTORO:
**Maur. JAUMOTTE**
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno




**Oficiala Organo de**
**Reĝa Belga Ligo Esperantista**
Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.36

ĈE L' JARFINO.

## La Zamenhofa Spirito en militanta Mondo?

La jaro 1937 preskaŭ finiĝis. Ĝi estos finiĝinta, je la momento kiam tiu ĉi artikolo kuŝos antaŭ la okuloj de l' leganto.

Sed ni ĝin komencas skribi, inter tiu unua dato, solena por ni, tiu de la naskiĝo de nia Majstro kaj tiu alia dato, solena por ĉiuj en la mondo, — ĉu ili estas katolikaj, alireligiuloj aŭ eĉ senkredaj, — la gaja festo de la Kristnaskiĝo.

Ambaŭ tagoj, la unua por la Esperantistoj, la dua por ĉiuj, iĝis en la daŭro de la jaroj, la rememorigtago de la Paco, de la paco « inter la homoj kun bona volo ».

La Prezidantoj de grupoj efektive ne povis priparoli la Zamenhoftagon, antaŭ sia membraro, ne memorigante pri la celo, kiu naskis la ideon de internacia lingvo, ĉe ĝia Kreinto. Kaj ankaŭ la Pastroj en la preĝejoj, ne povas priparoli la Kristnasktagon, antaŭ sia kredantaro, ne memorigante pri la cirkonstancoj ĉe la naskiĝo de la Savanto, kiam anĝeloj kantis « Paco sur tero al ĉiuj homoj kun bona volo ».

Sed la gvidantoj de la grupoj, kiel la pastroj en la preĝejoj, dum ili prikantis la pac-idealon, ne povis haltigi siajn ideojn, kiuj, vole-nevole, iris al tiuj multaj aliaj homoj, kiuj ne ŝajnas plenaj je bona volo, kaj kiuj, sub diversaj falskialoj, ektondrigis la kanonon, en diversaj partoj de nia terglobo.

Kaj estas kun malvarmo en la koro kaj, ĉe l' virinoj, kun larmo en la okulo, ke, dum tiuj tagoj, ĉiuj ni pensis pri tiuj malfeliĉaj fratoj niaj, kiuj, ĉiutage, falas, sur tio, kio, por ili, estas la « Honora Kampo », sed kiu, fakte, estas la plej grandega teatro de la homa krueleco.

Plej terure devis trafi ĉiujn, la fakto ke, eble por la unua fojo en la historio de la homaro, nenie, kie la kanono tondros, oni eĉ nur pensis pri tiuj tagoj de la homfratiĝo.

Ni ĉiam, kun plezuro, aŭdis la rakontojn de tiuj militintoj el la Mondturmento, kaj laŭ kiuj, dum la Kristnasktagoj, oni haltigis la kruelan pafadon kaj, — ĉu ne estis Baghy, kiu rakontis al ni dum sia vojaĝo en nia lando —, la malamikoj eĉ prezentis unuj al la aliaj, malgrandajn donacojn, kiujn ili portis en la « no man's land », inter la du tranĉearoj.

Ni, kun speciala plezuro, eĉ aŭdis de li, ke, en la milito inter la Aŭstroj kaj la Rusoj, oni memorigis la du Kristnaskfestojn, kaŭzitajn de la diverseco de la Kalendaro.

Sed, en la nuna buĉado, inter fratoj de sama lando en Hispanujo, inter homoj de sama raso en la malproksim-oriento, ni ne aŭdis pri tiu unutaga haltado... Kontraŭe, la pafado kaj la bombĵetado daŭradis, se eble, eĉ pli akre.

Ni, Esperantistoj, nenion kapablas entrepreni kontraŭ tiaj agoj. Sed ni tamen povas, en nia mezo, zorgi ke la Pacspirito ne tute droniĝu en la indiferenteco de la amaso kaj la militemo de kelkaj nacigvidantoj.

Ni, Esperantistoj, devas zorgi, ke, en niaj grupoj, la Zamenhofa spirito, tiu de la homaranismo, kiun Zamenhof ne volis ligi al la ideo gvida de la Esperanto-movado, sed kiu estis lia, plene lia, vivu kaj kresku.

Sen tiu ideo, nia movado estus vana kaj, kiel D-ro Zamenhof mem diris en fama Kongresparolado, ĝi ne valorus, ke oni laboru por ĝi.

Ni zorgu, dum la jaro 1938, ke nia movado valoru la laboron, kiun ni faras por ĝi.

Kaj ke, antaŭenpuŝata de tiu impulsiga ideo, ĝi kresku fiere kaj iru al novaj, ĉiam pli gravaj konkiroj, estas certe la espero de ĉiuj niaj legantoj, al kiuj ni mem sendas la bondezirojn plej sincerajn por la jaro, kiu venas kaj kiu, esperu ni, alportos pli bonan, gajan vivon.

Maur. JAUMOTTE

*Reĝa Belga Ligo Esperantista*
*kaj ĝia organo*
*"Belga Esperantisto"*
*prezentas siajn plej*
*korajn bondezirojn*
*por la nova jaro.*

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leem straat, 127, Lge Rue d'Argile: ĉiusabate je 21a h.

Sabaton, la 1-an de Januaro: ne okazas kunveno.

Sabaton, la 8-an: en « Witte Leeuw » ĝenerala jarkunsido kaj diplomdisdono al la lernintoj de la kurso de F-ino M. Jacobs.

Sabaton, la 15-an, je la 20a: en «Roi Albert» **jara festeno.** Prezo: Fr. 25, trinkmono enkalkulita.

Sabaton, la 22-an en la Esperanto-Domo: parolado de S-ro Lodema, pri « Mia unua Marvojaĝo ».

Sabaton, la 29-an en « Witte Leeuw » parolado de nia bulgara samideano S-ro Krestanof, kiu nunmomente estas en Islando kaj enŝipiĝos en Antverpeno por reiri al sia lando.

Diplomdisdono al la lernintoj de la kurso de S-ro De Hondt.

Ĉar la ekzakta dato de la preterpaso de s-ro Krestanof ne estas konata, povos esti necese interŝanĝi la tagordojn de la 22-a kaj la 29-a. La gazetaro informos pri tio.

**Perfektiga Kurso.**

Ekde sabato, la 22a de Januaro, okazos perfektiga kurso de Esperanto. La kurso ampleksos dek lecionojn, gvidotajn de s-ro H. Sielens.

La lecionoj okazos en la kunvenejo de la koncerna vespero kaj komenciĝos ekzakte je la 8-a h. 15.

La novdiplomitaj esperantistoj atentu pri tio!

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO: « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO: « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

Kunvenoj dum Januaro 1938, ĉiuj en la Kunvenejo »:

Mardon 4-an: a) Kurso por progresantoj: Leciono pri elparolado kaj dikto; b) Legado de B.E. (Prez. S-ro Ch. Poupeye).

Mardon, 11-an: a) Supera kurso: Ripetado kaj pliampleksigo de la 1-a leciono (S-ro G. Groothaert); b) Dikto de kanto (Prez. F-ino Y. Thooris).

Mardon, 18-an: a) Supera kurso: Lekcio pri oficialaj radikoj (S-ro R. Groverman); b) Kantado (Gvidado: S-ino Groothaert aŭ F-ino Boereboom); ĉe la piano: S-ino Poupeye aŭ S-ino Van Roye.

Mardon 25-an: Ĝenerala jara kunsido. (Prez. F-ino Y. Thooris.) (Raportoj, elekto de la komitato, proponoj, ktp. Neniu membro forestu.)

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde, — kaj ankaŭ dum la daŭro de la kurso: ĉiuvendrede — de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la grupa Sidejo. Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj estas malfermata ĉe F-ino M. Huyghe, Pottereirei, 1, Quai de la Poterie (Helpa Poŝtoficejo).

### GRAVAJ INFORMOJ.

**Ekzameno pri simpla kapableco:** okazos en la Sidejo, je la 8-a vespere, Vendrede, 14-an de Januaro por la skriba parto kaj 21-an de Januaro por la parola parto. Partopreno kaj diplomo estas senpagaj. La komitato esperas, ke ĉiuj ĝis nun ne diplomitaj gemembroj ekzameniĝos. Lasta limo por enskribiĝi: kunveno de la 4-a de Januaro.

**La jara granda balo de la Bruĝa grupo** okazos Sabaton, 12-an de Februaro, je la 9-a vespere, en « Muntpaleis - Palais de la Monnaie », kun nova kostumita baleto.

La sukceso de tiu jara balo estas tia, ke, de pasinta jaro, oni devis ĝin igi nepre privata. Ankaŭ tiun jaron ĝi estos rezervata al la nuraj membroj — aktivaj aŭ apogantaj — de la Bruĝa Grupo. La Balorganiza Komisio disponas ankoraŭ pri LIMIGATA nombro de kartoj de « Membro Apoganta » je la prezo de 5 fr. kaj rajtigantaj al ĉeestado de ĉiuj grupaj festoj dum 1938. Interesuloj bonvolu tiucele mendi per pago al P.Ĉ.K. 2114.92 de Ch. Poupeye, Bruĝo. La transpagilo devas nepre mencii la ĝustajn nomon, antaŭnomon, profesion kaj plenan adreson de la kandidato(j) al «apoganta membreco ».

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo: « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde je la 20.30-a horo.

Lundon, la 3-an de Januaro: Parolado de S-ro Derckx, pri moderna kinejo.

Lundon, la 10-an: ludvespero.

Lundon, la 17-an: Parolado de S-ro Van der Hecht, pri « Memorigo ».

Vendredon, la 21-an, je la 17-a, en « Nouveau Jardin pittoresque », Rue de Stassart, 34 (« Union Coloniale ») F-ino Jennen faros prelegon pri sia lastprintempa krozado al Sicilio, Kartago, Tuniso kaj Tripolis (lumbildoj). F-ino Jennen kaptos tiun okazon por paroli pri Esperanto. La gesamideanoj ĉeestu.

**Lundon, la 24-an, je la 19a h. 30: FESTENO, dum kiu oni honorigos 1. S-ron Kempeneers, prezidanton de R.B.L.E. kaj Komitatanon de la grupo, kiu estis nomata Kavaliro de l' Kronordeno; 2. F-inon Obozinski, kavalirinon de l'ordeno de Leopoldo IIa; 3. S-inon F. Staes, kiu, de antaŭ la milito, senlace laboras por Esperanto. Ĉiuj gesamideanoj estas kore invitataj ĉeesti. La prezo estas Fr. 25,— kaj povas esti pagata al P.Ĉ.K. de la grupo 123048.**

Lundon, la 31-an ĝenerala jarkunveno: raportoj, elekto de la Komitato, ktp. (La kandidatoj bonvolu deklari sin antaŭ la 17-a.)

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».**

Lecionoj en la lernejo St. Pietersnieuwstraat, 45, ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

## GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO.** — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Post la intima manĝo de la 4-a de Decembro, sekvis la 11-an en « Witte Leeuw » la Zamenhof-tago, dum kiu S-ro Jaumotte, alparolis la ĉeestintojn kaj revivigis la memoron de la Kreinto de nia lingvo, el kies kongresaj paroladoj li citis kelkajn trafajn eltiraĵojn.

F-ino Jeanne Verhelst kaj S-ro Jules Joris agrabligis tiun vesperon per belaj apartaj kaj kunaj kantoj, ĉe la pianoforto akompanataj de S-ino Lucette Faes. Ĉiuj tri artistoj rikoltis grandan sukceson.

Sabaton la 18-an, okazis en la « Esperanto-Domo » la kristnaskfesto. Multaj membroj kaptis la okazon por aĉeti, okaze de la libro-tago, belan libron en la magazeno. La Prezidanto bonvenigis diversajn lernantojn el la kursoj de F-ino Jacobs kaj S-ro De Hondt.

Dimanĉon la 26-an okazis en «Witte Leeuw» bonege sukcesinta infanfesto. Dudeko da infanoj kaj aro de gepatroj kaj geavoj grupiĝis ĉirkaŭ la Kristnaskarbo. Post kiam ĉiu el la infanoj estis deklaminta aŭ kantinta iun numeron, ĉiu ricevis belan surprizdonacon. S-ro Leon Schoofs organizis diversajn konkursojn, kiuj ankaŭ havigis pliajn surprizojn al la gajnintoj kaj partoprenintoj.

**BRUĜO.** — **« Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — La 23-an de Novembro, S-ro Van Roye donis gramatikajn klarigojn pri la sufiksoj igi kaj iĝi kaj post diversaj komunikaĵoj, faritaj de F-ino Thooris, okazis debato « Kinematografio aŭ Teatro », en kiu multaj gemembroj vigle partoprenis kaj konklude de kiu, S-ro Rombouts faris interesan legadon pri la sama temo.

La 30-an, post kelkaj lingvaj ekzercoj, gvidataj de F-ino Thooris, okazis kantvespero sub gvidado de S-ino Groothaert, kun fortepiana akompanado de S-ino Poupeye. Nova kanto « Verdastela Marŝo » estis lernata.

La 7-an de Decembro, plia nova kanto estis diktata de F-ino Thooris, post kio S-ro G. Groothaert faris paroladon, titolitan « Memoraĵoj » en kiu li, per pentra talento, priskribis tri okazintaĵojn el la mondmilito. Daŭra atento kaj, je la fino de ĉiu «pentraĵo», varma aplaŭdado, montris la interesiĝon de la ĉeestantoj. Nome de ĉiuj, F-ino Thooris dankis la parolinton, kaj aldonis ke tiuj kuelaj memoraĵoj devas nin instigi al plia propagando por tutmonda paco.

La 14-an, « Zamenhofa Festo » okazis en la bele ornamita kunvenejo « Brangwyn ». La grupa flago, Zamenhofaĵoj kaj libroj estis eksponiciataj. Lernantoj el la nuna elementa kurso, por la unua fojo, ĉeestis. Post legado aŭ deklamado de diversaj Zamenhofaj verkaĵoj, faritaj de gekomitatanoj, F-ino Thooris faris sentoplenan alparoladon pri la « Kara Majstro » kaj

## LERNOLIBROJ.

bfr.

Aymonier. **Cours méthodique d'Esperanto. - Grammaire complète** — 8,—
C. Aymonier-Grosjean-Maupin. **Thèmes** — 8,—
Butler. **Step by step in Esperanto** — 12,—
Cart/Pagnier. **L'Esperanto en dix leçons** — 5,—
Chavet/Warnier. **Esperanto-Manuel** — 8,—
Cseh. **Kurslibro** (hektografita Cseh-kurso) — 128,—
Dahmen. **Der Esperanto-Lehrer** — 12,50
De Bruyn. **La Komencanto** — 11,—
Dormanns. **Handbuch des Esperanto,** 319 p. — 10,—
Fruictier/Grenkamp. **Kompleta gramatiko kaj vortfarado de Esperanto** — 24,—
Göhl. **Ausführliche Sprachlehre des Esperanto.** 295 p. — 50,—
Grolleman. **Practisch Leerboek voor Esperanto,** inclusief hulpboek — 20,—
Isbrucker. **Esperanto-Examenopgaven** — 5,—
Jung/Wingen. **Das leichte Esperanto** — 9,90
Schlüssel dazu — 4,95
Jung/Wingen. **12 Abende Fortbildung** — 12,50
Schlüssel dazu — 4,95
Markau. **Kleiner Esperanto-Lehrer für das Gastwirtsgewerbe** — 8,50
Mazzolini. **Ekzercilo kaj Helpilo por supera praktika kurso de Esperanto** — 9,90
Möbusz. **Universala Esperanta lernolibro** (por ĉiuj landoj):
I. Por kursanoj — 20,—
II. Por kursgvidantoj — 10,—
Pfeffer. **Dr. L.L. Zamenhofs Esperanto-Reden** — 12,—
Pfeffer. **Einführung in die Esperanto-Handelskorrespondenz** — 6,—
Pfeffer. **Esperanto in 10 Unterrichtsstunden** — 3,—
Pfeffer. **Ich spreche Esperanto** — 3,—
Privat. **Kursa lernolibro** — 6,—
Saxl. **Daŭriga kurso post Cseh-kurso** — 69,—
Solomon. **Esperanto por infanoj** — 12,—
Szilagyi Dr. F. (G. Waringhien). **Cours illustré d'Esperanto** — 7,—



## DIVERSAJOJ.

**Gramofondisko:** «La Espero» — «Bild-ario», el Sorĉa Fluto — 35,—
**Poŝtkartoj ilustritaj kun Esperanto-teksto:** pri Antverpeno (3 serioj), Bruselo (3 serioj), Bruĝo (1 serio), Kortrijk (1 serio) — po 1,50
**Krajono «Esperanto»:**
Ordinara — 1,25
Granda — 3,—
Giganta — 6,50
**25 Poŝtkartoj pri la 7a Universala Kongreso en Antverpeno** — 2,50
**Poŝtkarto kun tombo de Zamenhof** — 0,50
**Belaj Sigelmarkoj «Esperanto-Lingvo Internacia»:** Cent: Fr. 2,—; Kvincent: Fr. 9,50; Mil.: Fr. 19; 5000: Fr. 85,—.
**Leterpapero** formato komerca aŭ privata, 20 folioj — 1,50
**Leterkovertoj,** 20 ekzempleroj — 1,50
**Poŝtkartoj grandformataj** (blankaj), 10 ekzempleroj — 1,—
**Kolorita propagand-afiŝeto** (43x28 cm.) kun surpresota spaco — 0,40
**Kaŭĉuka stampilo « Korespondo en Esperanto»** — 3,50
**Letermalfermilo** kun bela Esperanto-stelo — 8,50
**Legosigno** kun bela Esperanto-stelo — 7,—
**Esperanto-Ŝlosiloj:** angla Fr. 0,75; dana Fr. 1,—; flandra Fr. 0,50; franca Fr. 0,35; germana Fr. 0,85; hispana Fr. 0,50; hungara 0,50; itala Fr. 0,7«; juda Fr. 1,50; malaja Fr. 1,50; norvega Fr. 2,—; pola Fr. 2; romanĉa Fr. 1,40; rumana Fr. 1,25; sveda Fr. 1,—.
**Bronza medaljono: portreto Zamenhof.** (Skulpt. Rik Sauter) — 50,—
**Legosigno:** vidu paĝon 23 de tiu ĉi katalogo — 5,—
**Kanjugo,** kartludo — 20,—
**Lexikon,** kartludo — 20,—

——o——

**Informojn** pri kiuj ajn
esperantaĵoj ĉiam donas
BELGA ESPERANTO-INSTITUTO.



bfr.

Hill. **Himno de danko** (religia ĥorkanto) — 1,25
Hill. **La vera frataro** — 1,25
Holmes. **Komuna kantlibro** — 8,—
**Humorplenaj kantoj:** 1. La babilbuŝeto; 2. La vana averto. — Ambaŭ kune, k. piana akompano — 2,50
**Kantu ni!** Dek kantoj kun notoj — 4,—
Klemeti (Schulhof). **Kia stranga, forta voko.** Por vira ĥoro — 2,50
**Kristana Esperanta Kantareto.** 11 kantoj kun melodionotoj — 2,50
**La Juna Vivo.** Internacia kantaro. 62 p. — 6,—
Maier. **Esperanto-marŝo.** (La plej konata marŝo esperantista.) Por piano — 14,—
La sama, por salon-orkestro — 33,—
La sama, por granda orkestro — 42,—
Malmgren **Sveda kantareto** — 5,—
de Ménil (Zamenhof). **La Espero.** Himno esperantista. Por piano — 2,—
La sama, por 4-voĉa ĥoro — 2,—
de Ménil (Hankel). **La verda stelo.** Kanto k. piano — 2,50
Menzel. **Vivu Esperanto!** Marŝo pri la fajfsignalo esperantista. Por piano — 14,—
La sama, por salon-orkestro — 20,—
La sama, por citro — 9,—
Nolthenius (Roskes-Dirksen). **Esperantuja kanto,** k. piano — 2,50
Pillath. **Das deutsche Lied in Esperanto.** (Germanaj kantoj esperantigitaj) — 7,—
Poyser. **Skoltaro tutmonda.** Internacia skolta kanto, eldono en Esperanto, kun piana akompano — 5,—
Reeve. **Brilas l' Esper'.** Kanto k. piano — 1,—
Rohlee (Kliemke). **Esperanta danckanto.** Por piano — 5,—
La sama por orkestro — 10,—
**Samideana trinkkanto,** k. piano (ph.) — 1,—
Saxton (Blaikie). **Vivu Esperanto!** 4-voĉa kanteto — 1,50
R. Schwartz. **Koro estas eta instrument' sekreta** — 15,—
Simon (Stark). **Patrino al la infano.** Kanto k. piano — 3,50
Vink. **Esperanta kantokolekto.** Kun melodionotoj — 5,—
Windisch-Sartowsky (Roskes-Dirksen). **Kvin vivokantetoj** — 10,—





## ESPERANTO: Lingvo, Historio, Movado, Dokumentado, k.t.p.

bfr.

Brüggemann. **Historio de Esperanto** — 8,50
de Waard. **La Esperanta literaturo** — 12,50
Dresen. **Analizo historio de la Esperanto-movado** — 7,50
Dresen. **Historio de la mondolingvo** — 25,—
**Enciklopedio de Esperanto** (L.M.-libro), du volumoj riĉe ilustritaj, ambaŭ volumoj kune — 224,—
En unu volumo bindita, ne-ilustrita — 132,—
Gomes Braga. **Veterano ?** — 13,50
Grolleman. **Konciza historio de Esperanto** — 2,—
**Hector Hodler: Lia vivo kaj lia verko** — 17,50
Isbrücker. **Historio kaj organizo de la Esperanto-movado** — 12,50
K. Kalocsay. **Lingvo, Stilo, Formo.** (L.M.-libro) — 21,50
Kalocsay-Waringhien. **Kiel Fariĝi Poeto aŭ Parnasa Gvidlibro.** (L.M.-libro) — 22,—
Kreutzer. **Esperanto ein Kulturgut ?** — 9,90
Kreuz. **Pri la solvo de l' problemo de internacia lingvo por komerco kaj trafiko** — 9,90
Ludw. Krysta. **Pri la Prononcado de Esperanto** — 3,—
Merchant. **J. Rhodes kaj la Fruaj Tagoj de Esp. en Anglujo** — 12,—
**Originala Verkaro de D-ro Zamenhof** — 95,—
Edm. Privat. **Historio de la Lingvo Esperanto.** I-II — 30,—
Edm. Privat. **Vivo de Zamenhof.** bfr. 22,— Ilustrita — 30,—
P. E. Stojan. **Bibliografio de Internacia Lingvo** — 87,50
**Lastaj Tagoj de D-ro Zamenhof** — 5,—
**Völkerbund: Esperanto als internationale Hilfssprache** — 2,25
**Zamenhof's Esperanto Reden.** En Esp. kun germana traduko — 12,—
Zamenhof. **Lingvaj Respondoj** — 8,—

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

**posedas belan magazenon, en plej trafika strato de**

## ANTVERPENO.

**Por ebligi ties vivadon, estis organizata en ĝi la vendado, ne nur de ĉiuspecaj esperantaĵoj, sed ankaŭ de ĉiuj artikloj, kiuj rilatas al la**

### PAPERVENDEJA FAKO.

**Memoru, ke aĉetante unu el tiuj artikloj, vi ebligas la vivadon de**

### BELGA ESPERANTO-INSTITUTO,

**entrepreno esperanta, laboranta per kapitalo de esperantistoj kaj gvidata de Esperantistoj, kiuj zorgis por la organizo, en ĝi, de**

### ESPERANTO-PRESEJO

**Inter la centoj da diversaj artikloj ne-esperantaj ni citu, ĉiuspecajn skribpaperojn, kovertojn, kajerojn, skribilojn, krajonojn, inkojn, komercajn registrojn, legolibrojn por infanoj, ktp.**

---

**Presi iun cirkuleron povas ĉiu presisto, sed samtempe esti la presisto de:**

„ HEROLDO DE ESPERANTO ",
„ ESPERANTO INTERNACIA ",
„ INTERNACIA SCIENCA BULTENO ",
„ BELGA ESPERANTISTO ",
„ SKOLTA BULTENO ",

**k. m. a., tion nur kapablas**

**BELGA ESPERANTO-INSTITUTO.**

## REKOMENDINDAJ LIBROJ eldonitaj de aŭ deponitaj ĉe BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

| | bfr. |
|---|---|
| D-ro L. L. Zamenhof (Fr. Schoofs). **Fundamento de Esperanto.** Eldono flandra-holanda | 5,— |
| D-ro L. L. Zamenhof. **Fundamento de Esperanto.** Eldono franclingva | 5,— |
| Unuel. (M. Jaumotte). **La langue internationale.** — Le problème et sa solution | 5,— |
| Unuel. (W. De Schutter). **De internationale Taal.** — Het vraagstuk en zijn oplossing | 5,— |
| Rollet de l'Isle. **Initiation à l'Esperanto** | 5,— |
| Rollet de l'Isle (M. Jaumotte). **Inleiding tot Esperanto** | 5,— |
| Jaumotte, Vermuyten k.a. **Belga Antologio** en du volumoj. — 600 paĝoj | 50,— |
| M. Jaumotte. **Kompleta Rimvortaro** | 10,— |
| Cart/Pagnier. **L'Esperanto en dix Leçons** | 5,— |
| A. J. Witteryck. **Esperanto in tien Lessen** | 5,— |
| A. J. Witteryck. **Samenspraken** (Esp.-Ned.) | 5,— |
| A. J. Witteryck. **Conversations** (Esp.-Franç.) | 5,— |
| Schidlof's **Zakwoordenboekje** Esp.-Ned.—Ned.-Esp. | 25,— |
| A. Kenngott k.a. **Ilustritaj Rakontetoj** | 5,— |
| A. Kenngott k.a. **Internacia Dialogaro** | 5,— |
| A. Kenngott k.a. **Internacia Teatraĵetaro** | 5,— |

### LA VERKOJ DE ZAMENHOF

| | |
|---|---|
| **Fundamento de Esperanto** (kvinlingva) | 10,— |
| **Fundamenta Krestomatio** | 20,— |
| **Lingvaj Respondoj** | 8,— |
| **Proverbaro Esperanta** | 8,— |
| Andersen. **Fabeloj.** Parto I | 11,— |
| Goethe. **Ifigenio en Taŭrido.** Dramo | 8,— |
| Gogol. **La revizoro.** Komedio | 8,— |
| Heine. **La Rabeno de Baĥaraĥ** | 6,— |
| Molière. **Georgo Dandin.** Komedio | 4,50 |
| Orzeszko. **Marta.** Romano | 16,— |
| Schiller. **La rabistoj.** Dramo | 10,— |
| Shakespeare. **Hamleto.** Tragedio | 6,50 |



## LITERATURO (Prozo kaj poezio)

(Se la menciita libro estas tradukaĵo, la nomo de la tradukinto troviĝas inter krampoj, post la nomo de l'aŭtoro.)

| | bfr. |
|---|---|
| Adamson. **Auli** (L.M.-libro) | 11,— |
| de Amicis (Castagnino). **De Apeninoj ĝis Andoj** | 5,— |
| de Amicis. **Koro.** Libro por knaboj. 320 p. | 30,— |
| Arišima (Toŝguu). **Senbedaŭre amo rabas** | 20,— |
| Asch (Lejzerowicz). **La sorĉistino el Kastilio** | 22,— |
| Baghy. **Dancu marionetoj** (L.M.-libro) | 13,— |
| Baghy. **La verda koro** Romaneto por komencantoj | 17,50 |
| Baghy. **Printempo en la aŭtuno.** Novelo | 12,50 |
| Baghy. **Sur sanga tero.** Romano (L.M.-libro) | 43,50 |
| Baghy. **Verdaj Donkiĥotoj** (L.M.-libro) | 26,— |
| Baghy. **Viktimoj.** Romano (L.M.-libro) | 28,— |
| Balucki. **Kuzeto** | 2,25 |
| Barbarus (Hilda Dresen). **Horizontoj.** Poemoj | |
| Bates (Harris). **Stranga idilio** | 2,— |
| Boatman. **La nekonata konato.** Mistera rakonto | 20,— |
| Bonsels (Sós). **Ŝolandro.** Rakonto | 3,50 |
| Bremon Masgrau. **Hejma prozo** | 4,95 |
| Bröther. **Rübezahl** | 3,— |
| **Bukedo.** Rakontoj de diversnaciaj aŭtoroj | 2,50 |
| Butin. **Faŭsto.** Konciza komentario al Faŭsto | 2,50 |
| Ĉan-Hjokĉu (Takagi). **Forpelataj homoj** | 4,95 |
| Ĉapek-Chod. **Noveloj** | 16,50 |
| Cart. **Vortoj de Profesoro Cart** | 11,— |
| Catalany (Robert). **Klari.** Romano | 8,25 |
| Collodi (Marchesi). **Pinokjo.** Historio de marioneto | 20,— |
| Dante (Kalocsay). **Infero.** (L.M.-libro) | 53,— |
| de Musset (v. Schoor). **La du amatinoj,** kaj: **La kapricoj de Mariano** | 20,— |
| de Musset (Rethel). **Mimi Pinson** | 8,— |
| Drozdov. **Krucumo.** Rakonto | 4,— |
| Dumas (Deligny). **Tri rakontoj** | 5,50 |
| **Elektitaj humoraj rakontoj** | 2,50 |
| Elola (Berenguer). **La amo en la jaro dek mil.** Romano. 352 paĝoj | 25,— |
| Emba. **Maria kaj la grupo.** Romano (L.M.-libro) | 24,— |



| | bfr. |
|---|---|
| Minor. **Pro Dio, ne esperantiston!** Unu akto | 2,50 |
| Molière (Legrand). **Amfitriono.** Triakta komedio | 6,— |
| Molière (Boucon). **La Mizantropo** | 11,— |
| Molière (Levin). **La nobela burĝo.** Kvinakta komedio | 11,— |
| Privat. **Ginevra.** Triakta lirika dramo | 4,— |
| Pujula-Valles. **La rompantoj.** Kvin monologoj | 6,60 |
| Rainis (Ĉaĉe). **Amo estas pli forta ol morto.** Tragedio en kvin aktoj | 12,50 |
| Richet (Couteaux). **Sokrato.** Kvarakta tragedio | 6,— |
| Romains (Corret). **Knock.** Triakta komedio | 8,50 |
| Ŝalom-Alejĥem (Rabinoviĉ). **Ĉe doktoro.** Monologo | 2,50 |
| Shakespeare (Wackrill). **La Venecia komercisto** | 8,— |
| Shakespeare (Briggs). **Sonĝo de Somermeza Nokto** | 4,50 |
| Sinha. **Sivaĝi.** Originala dramo el la historio de Hindujo | 12,— |
| Strindberg (Engholm). **Pasko.** Dramo en tri aktoj | 12,— |
| Svjentoĥoski (Leono Zamenhof). **Aspazio.** Tragedio | 8,— |
| Thomson. **Multe pli da amo** | 6,— |
| Tolstoj A. (Hohlov). **La morto de Danton.** Tragedio | 5,— |
| Verga (Castagnino). **Cavalleria Rusticana** | 5,— |
| Voltaire (Lanti). **Kandid** | 14,85 |
| Werner (MEP). **Homoj sur flosglacio.** Komedio | 6,50 |
| Wolski (Grabowski). **Halka.** Opero | 5,— |

## LITERATURO (Muzikaĵoj — kantoj).

| | |
|---|---|
| Appleby/Booy. **Kongresanino.** Kanto k. piano | 1,— |
| Appleby. **Leono estas best'.** (La gajula kanto.) Kanto k. piano | 1,— |
| Bennemann. **Internacia Kantaro.** Muzika eldono. (La unua eldono; la dua eldono nuntempe ne havebla.) Broŝurita | 15,— |
| La sama, bindita | 21,— |
| Butler. **Himnaro Esperanta.** (212 himnotekstoj) | 12,— |
| Butler. **Kantaro Esperanta** (357 kantotekstoj) | 12,— |
| Butler. **La melkistino.** Dueto k. piano | 1,— |
| Dauphin. **Frata marŝo.** Kanto k. piano | 3,— |
| Deshays (Zamenhof). **La vojo.** Kanto k. piano | 2,50 |
| Fenner (Cox/Holderness). **Alvoko.** Kanto k. piano | 2,50 |
| Hill. **Esperanto.** Humora kanto k. piano | 1,25 |

pri la maniero laŭ kiu Bruĝa Grupo ŝekvas Lian instruon. Esp. kantoj estis kunkantataj.

Pliaj lecionoj de la elementa kurso, sub gvidado de S-ro Poupeye, estis donataj la 19 kaj 26-11 kaj la 3, 10 kaj 17-12 al fidela lernantaro.

De la 12-a ĝis la 19-a de Decembro, interesa ekspozicieto de esperantaĵoj okazis ĉe la « Helpa Vendejo » de F-ino Huyghe. Multaj gemembroj ĝin vizitis kaj memoris la tagon de la Esp. libro... tago, kiu daŭris tie-ĉi semajnon. Dum la tuta semajno, granda Esp.- flago flirtis ĉe la domo kaj altiris ĉies atenton.

**BRUSELO. — «Esperantista Brusela Grupo».** — La 8-an de Novembro, la grupo akceptis F-inon Heleno Amelina, kiu, en nacia vestaĵo, faris interesan paroladon pri sia hejmlando Estonujo, kies historion, kutimojn, vivkondiĉojn kaj Esperantan vivon, la ĉeestintoj klare ekkonis dank' al la kleraj kaj vivigaj klarigoj, kiujn donis F-ino Amelina.

F-ino Jennen gratulis la paroladistinon, kiu estis longe aplaŭdata. S-ino Staes transdonis al ŝi memoraĵon, subskribitan de ĉiuj la ĉeestantoj.

Fine, F-ino Bottin arte kantis du estonajn melodiojn, piane-akompata de S-ro Van der Stempel.

La 15-an, F-ino Kestens faris mallongan sed interesan paroladon pri Saloniko kaj akiris bonan sukceson. La vespero finiĝis per kelkaj kantoj. Ankaŭ estis decidata la organizo de ŝparkaso por la kongresoj.

La 22-an, F-ino Jennen prezentis novan samideanon S-ron De Mot. S-ro Van der Stempel kaj F-ino Paula Kerckhof rakontis anekdotojn. De ĉiuj subskribita karto estis sendata al S-ino F. Staes por deziri al ŝi rapidan resaniĝon.

La 29-an de Novembro, okazis parolata ĵurnalo, ĉefredaktita de S-ino J. Plyson, kun la helpo de F-ino Kestens (rubriko de la virina modo); S-ro Loeckx, kiu skizis ekskurson sub Boschvoorda ĉielo; F-ino P. Kerckhof rakontis romanon, ĵusaperintan; F-ino Pierre montris rimarkindan desegnaĵon, elvokante, en ŝia nacia vestaĵo, la estonan samideaninon F-inon Heleno Amelina. S-ro Vanderstempel bone pritraktis « la artistinon kaj ŝian modelon ».

F-ino Obozinski ricevis la gratulojn de ĉiuj ĉeestantoj, okaze de sia promocio en la naciaj ordenoj.

**GENTO. — « Genta Grupo Esperantista ».** — La 8-an de Novembro, la grupanoj kunvenis en la Salono de « Melomanes », Lavaenstraat.

La juna S-ro Coppée parolis pri « Scout »-ismo. Tiu bela kaj interesa parolado tre plaĉis al la ĉeestintoj per sia ĉarmo. S-ro Coppée vere meriigis la aŭskultintojn per sia facila maniero paroli nian kara lingvon.

Poste sekvis tre agrabla ludo organizita de la festestrino S-ino Deryckere.

La 13-an, okazis, la monata kunveno de Decembro.

La unua parto konsistis el memorajo pri nia Majstro D-ro Zamenhof kaj liaj verkoj.

S-ro Van de Velde, prezidanto, faris interesan kaj tre kompletan paroladon pri la evoluo de Esperanto; S-ro Lödör Arpat tre bone deklamis « La Vojo ».

La dua parto konsistis el teatraĵo « La Amigilo », sub la gvidado de F-ino Julika Vanden Nesse.

Poste sekvis lotumado, kaj fine la famaj ludkartoj de S-ino Derycke tre amuzis la ĉeestintojn.

Dum niaj merkredaj kunvenoj en la lernejo, St. Pietersnieuwstraat, parolis F-ino Bombeke, pri ekskursoj per biciklo; F-ino Eyck, pri Svisujo, kaj S-ro Ed. Lödör, pri kurac-metodoj.

Tiuj paroladoj estis sekvataj per interesaj diskutadoj pri la praktika temo.

# Kongreso de Charleroi

Kiel promesite, ni donas ĉi sube la liston de tiuj, kiuj en la lastaj semajnoj pagis sian kotizon al la Kongreskomitato.

En la sekvanta numero, ni donos klarigojn pri la ĝenerala programo de la Kongreso, kiu certe estos tre alloga.

Jen la nomoj:

S-ro Demoulin, Victor, Charleroi.
S-ro Waterlot, Jules, Marcinelle.
F-ino Dorsinfang, Namuro.
F-ino Dorsinfang, Namuro.
S-ro Lodema, A., Antverpeno.
S-ro Tassin, filo, La Louvière.
S-ino Tassin, La Louvière.
S-ro Schmitz, Ch., La Louvière.
S-ro Dejosé, H., La Louvière.
S-ino Dejosé, La Louvière.
S-ro Jacques, Emile, La Louvière.
S-ro Jacques, Edgard, La Louvière.
S-ro Wauters, Maurice, Loveno.
S-ro Jacobssohn, J., Bruselo.
S-ino Jacobssohn, M., Bruselo.

Por la numero de Februaro, ni ja devus jam atingi la unuan centon kaj ĉiuj gvidantoj de grupoj estas petataj, helpi al la akiro de tiu nombro.

La individuaj esperantistoj kaptu la okazon de la kotizrepago al la diversaj organismoj, por samtempe pagi la kotizon, por la proksima Kongreso, kiu nepre devas iĝi sukceso.

---

**LOVENO. — Lovena Grupo Esperantista.** — La jaro 1937 estis plej kontentiga, ĉar efektive la grupo nur ekzistas de 7 monatoj kaj kalkulas ĉirkaŭ 18 anojn, kiuj vigle laboras kaj sekvas atente ĉiujn kunsidojn.

Dum lasta ĝenerala kunveno estis dicidite:

1) la kunvenoj okazos, ekde Januaro, VENDREDE; 2) la vizito al abatejo de Park estas prokrastita ĝis bela sezono por ke ĉiu eksterurba samideano povu kunveni; 3) certe estos vizitata la famaj bierfabrikoj « Artois ».

**TORNAKO. —** Ni jam anoncis la baldaŭan naskiĝon de grupo, en la malnova henegovia urbo kaj la organizon de granda propaganda vespero tie.

Dank' al la klopodoj de S-roj Duquenne kaj P. Walter, proksimume 500 personoj ĉeestis, en la belega salono de la Teksaĵlernejo, propagandvesperon por Esperanto.

Inter la ĉeestantoj, estis 300 lernantinoj de la normallernejo, kun profesorino; proksimume 100 de la mezgrada lernejo kaj plie grupo de lernantoj el la teksaĵlernejo kaj iom da ordinara publiko.

S-ro Kempeneers, prezidanto de R.B.L.E., faris pri Esperanto prelegon, kiu multe vekis la intereson de la juna publiko.

F-ino Jennen, prezidantino de la Brusela Grupo, tiam klarigis la lingvon kaj poste S-ro P. Walter, kun la helpo de S-ino Plyson, instruis kelkajn vortojn kaj frazojn.

Fine, S-ro Kempeneers montris sian interesan filmon pri vojaĝo al la 28-a Esp. Kongreso en Vieno.

Ni jam eksciis, ke kurso stariĝis, kiun gvidas S-ro Walter, el Lodz, kiu studadis en la supranomita lernejo.

**Gratuloj.**

Al F-ino Obozinski, kiu estas nomita Kavalirino en la Ordeno de Leopoldo la IIa. Ankaŭ al nia Liga Prezidanto, kiu — verdire jam antaŭ kelkaj monatoj —, estis nomita kavaliro en la Kronordeno.

# Bibliografio

**ESPERANTO-MANUEL** (Ruĝa Broŝuro). — **La bone konata libreto « Esperanto-manuel », kiu estis antaŭ kelka tempo komplete elĉerpita, reeldoniĝis de Belga Esperanto-Instituto. Niaj propagandistoj el la franclingva teritorio al la laboro!**

**L'ESPERANTO EN DIX LEÇONS de Cart kaj Pagnier. — Kiel ni anoncis jam antaŭ unu monato, ankaŭ la represo de la franca lernolibro « L'Esperanto en dix Leçons » estis prizorgata. Nun tiu represo estas preta kaj la jam faritaj mendoj estas plenumotaj ĉiuj en tiuj ĉi tagoj.**

**LIBRO-LISTO 1938. — Okaze de la novjaro Belga Esperanto-Instituto aperigis belan librokatalogon, pri ĉiaj esperanto-eldonaĵoj.**

**La libreto, sur griza papero, kun verda preso kaj enhavanta 24 paĝojn, estas ricevebla en la Antverpena Esperanto-Domo.**

**Vivo de Zamenhof.** Dua eldono de la verko de Edmond Privat. Ilustrita kaj bindita. N-ro 15 en la serio de la « Populara Esperanto-biblioteko ». 138 paĝoj. Prezo: 3 ŝ 6 p. + afranko 4 p.

Estis bonega ideo de la P.E.B., prizorgi la represon de la belega verko de nia fama Privat.

Per tiu ĉi eldono, ekestis la eblo por malpli riĉaj esperantistoj, ankaŭ aĉeti ilustritan verkon pri nia majstro.

La represo estas fidela, sed kun kelkaj malmultaj korektoj, kaj kun belegaj fotografaĵoj pri la majstro, liaj familianoj, kaj pri aliaj aferoj, kiuj, en la tempospaco de tiom da jaroj, jam iĝis kvazaŭ pecoj de ni mem.

Se ekzistas unu verko, kiun la esperantisto DEVAS posedi, krom la « Fundamento » kaj la « Krestomatio », ĝi estas sendube tiu fonto, kiun Edmond Privat donis al ni, por ĉerpi en ĝi ĉiujn instigojn, ĉiujn kuraĝigojn kaj ankaŭ ĉiujn konsolojn. Ĉar ĉion tion la vivo de Zamenhof donas al ni.

Eĉ tiuj, kiuj posedas la unuan eldonon de « La Vivo de Zamenhof », ĝojos pri la represo, pri kiu The Esperanto Publishing Co. havas ĉiujn meritojn. Hoso.

---

**Funebro.**

Mortis preskaŭ subite, en Antverpeno, la ĉarma membrino de « La Verda Stelo », S-ino José Vermandere-Van Caeneghem, la kara edzino de S-ro Vermandere, delegito de IEL en Antverpeno, komitatano de « La Verda Stelo » kaj administrinto-prezidinto de « B.E.I. ».

Multaj gesamideanoj ĉeestis la funebran ceremonion, i.a. la Prezidanto de R.B.L.E. kaj S-ino Kempeneers; la administranto-prezidanto de « La Verda Stelo » kaj de « Belga Esperanto-Instituto » kaj S-ino Jaumotte; la sekretario de « La Verda Stelo » kaj S-ino Faes; S-ino Frans Schoofs; F-ino Morrens, s-ro Vander Veken gekomitatanoj de « La Verda Stelo » kaj trideko de simplaj membroj de la loka grupo.

Dum persona vizito al la funebranta kaj tiel kruele trafita edzo S-ro Jaumotte esprimis la kondolencojn de la loka grupo, de Belga Ligo kaj ĝiaj sekcioj kaj de Belga Esperanto-Instituto.

**DANKESPRIMO.**

**G. Vermandere kaj familianoj emocie dankas ĉiujn geamikojn por la tiel granda simpatio montrita okaze de la morto de José Vermandere-Van Caeneghem.**

**ESTRARO DE „BELGA LIGO ESPERANTISTA"**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)

**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)

**Sekretarioj:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
S-ro R. Dechesne, 38, Rue de la Meuse, Sclessin.
S-ro Swinne, 77, Rue Nieuwenhove, Uccle.

**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
provizore al la speciala P.Ĉ.K. 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.